# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VIII N.° 7 (91) JULIO, 1956

## HASTA PRONTO, EN BARCELONA

Nunca hemos dejado de creer que el esperantismo es algo más que una doctrina idiomática. Por si no se estima suficiente nuestro pobre criterio, tal opinión era la de Zamenhof mismo, y en el mismo sentido pensaron los más eminentes esperantistas de todas las épocas, hasta los tiempos actuales. El Esperanto nació, no por imperativo filológico, sino como postulado ético; como remedio adecuado para curar desniveles morales deducidos de incomprensiones lingüísticas. Y si tal no fuera el criterio de cuantos laboran para el establecimiento del Esperanto como remedio moral y político, ¿acaso se podría pedir a ninguno de ellos que siguiesen sacrificándose para beneficiar a gentes que se empeñan en seguir ignorando los beneficios materiales y espirituales que se conseguirían con el uso del idioma auxiliar?

Repitámoslo una y mil veces más. Si existe una minoría de abnegados propagandistas del Esperanto. es tan solo porque en él ven algo más que un medio de relación. Si. desde Zamenhof hasta el más insignificante redactor esperantista, no se ha extinguido el fervor proselitista, sería ingenuo creer que el móvil de tanto sacrificio es tan solo el deseo de poder viajar sin trabas idiomáticas, o corresponder con amplitud comprensiva. ¡Pobre objetivo, para tanto esfuerzo!

Y, como todo esfuerzo, esos sacrificios necesitan una compensación inmediata y periódica. Algo así como una transfusión que traiga nuevos bríos a las desgastadas células, esquilmadas por años y años de porfiada labor.

Este estímulo, que no debe perderse todo buen esperantista, son los congresos, que vivifican y reaniman, devuelven la perdida confianza en el triunfo final y, además, consuelan a los dirigentes, al sentirse asistidos por la masa de seguidores.

El inminente congreso de Barcelona ha de ser, para todos, como la piedra de toque de su fervor y convicción esperantistas. Poco hemos de tardar en tasar la medida de tales virtudes.

Esperamos, pues, que la asistencia será numerosa, y que todos den de sí cuanto puedan para que el congreso tenga la brillantez que merecen nuestro movimiento y la región más esperantista de España.

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

***Opinioj, sugestoj kaj kritikoj de la legantoj.***

### REFOJE PRI «DEVAS NE» AŬ «NE DEVAS»

Kiel eble plej koncize, mi deziras respondi kelkajn konceptojn de S-ro Donald R. Broadribb, kiu per ĝentila maniero, en pasinta numero de BOLETIN, kondamnas komenton, kiun mi faris en la recenzo pri «Fundamenta Krestomatio», rilate lokigon de la negacio antaŭ la verbo *devi*, ĉar tio ne konformiĝas aŭ ne adaptiĝas al la kutimo de anglalingvanoj.

Tra lupeo de strikta logiko, la formo ***vi ne devas dormi***, en la senco ke oni malpermesas dormi, estas idiotismo; jes, akceptite, sed idiotismo jam enradikiĝinta, jam tradicia... Kaj Esperanto, kiel ĉiu ajn alia lingvo, rajtas havi siajn idiotismojn, ĉar «lingvo absolute logika kaj tute sen idiotismoj estus lingvo senviva kaj tro peza». Jen saĝa kaj trafa diro de D-ro Zamenhof, kies apelacion mi ne povis eviti eĉ sciante, ke tio ŝokos la sentojn de S-ro Broadribb, nia usona samideano; tamen, malgraŭ liaj respektindaj opinioj, Zamenhof ne nur estas la aŭtoro de Esperanto, sed ankaŭ tute certe ĝia unua kaj plej aŭtoritata klasikulo.

Neniel do mi povas kompreni, agnoskante la ekziston —eĉ neceson!— de idiotismoj en nia lingvo internacia, ke ili devas ekzisti ***nepre*** nur laŭ la grado en kiu ili kongruas kun la normoj de ia difinita nacia lingvo. La anglan mi ne scias, ankaŭ ne la ĉinan. Tial, kiam mi parolas aŭ skribas en Esperanto, min gvidas nur la principo uzi prefere formojn, kiujn kutimo kaj tradicio jam sankciis ***en*** la Esperanta lingvo, kvankam eble ankoraŭ ne en la angla nek en la ĉina...

Cetere, la uzo de idiotismoj, eĉ plej ordinaraj, ne estas deviga. Nenie en nia lingva leĝaro estas malpermesate diri: ***vi devas ne dormi***. Oni diru tiel, se oni preferas, anstataŭ ***vi ne devas dormi***! Mia recenza plendo baziĝis sur la fakto, ke, en la notoj al la nova eldono de klasika libro, tute sisteme kaj iom imperative, oni trudas la translokigon de la negacio, kvazaŭ la klasika originala formo ***ne devas*** estus peko. Tion mi ne konsentis! Lernante Esperanton, oni devas lerni kaj akcepti ĝin tia, kia ĝi estas, laŭ fluo de natura evoluo, ne kiel ĝi ***devas*** esti, laŭ personaj aŭ nacilingvaj konsideroj.

Antaŭ ol fini, mi volas prezenti ekzemplon, kiu koncernas hispanlingvanojn. La fiksa formo: ***oni ne progresas, oni ne aŭdas***, k. t. p. ne kongruas kun samsenca aranĝo en la hispana lingvo, kiu ĉiam jene tekstas: ***ne oni progresas, ne oni aŭdas*** k. t. p. Tamen, malgraŭ tio, neniu hispanlingva esperantisto plendas nek miras, ke Esperanto ***devojiĝis*** de normo reganta en la lingvo de Cervantes...

Ni estu konsciaj pri la propra strukturo de nia bela komuna posedaĵo. Ju pli ĵaluze ni gardos ĝiajn karakterizajn trajtojn, des pli prave ni povos laŭte aserti, ke, almenaŭ kiel esperantistoj, tra la ega vasteco de la tuta mondo, ni estas submetitaj al nenia speco de lingva imperiismo.

*Luis Hernandez.*

## NIA VOJO

En samtitolita artikolo de «Scienca Revuo» (N-ro 1-a 1956) oni diras al la esperantistaro: «Ĝis nun ni ne scias, ĉu deziri normlingvon, ĉu interlingvon ĉu simple la venkon de Esperanto».

Ŝajnas al mi ke ĉi tiu hezito ne estas ĝenerala fakto. Nome: Mi tutkonscie «deziras la venkon de Esperanto» ***ĉar ĝi estas jam ekzistanta interlingvo***. Ni ne neu ke Esperanto (kiel ĉiu homa kreitaĵo) havas malperfektaĵojn eĉ klare videblajn kaj facile formeteblajn. Ni venu rekte al la plena analizo de la kialo «ĉar ĝi estas jam ekzistanta interlingvo».

Pri ekzisto de Esperanto dubon ne povas iu havi: Ĉi tio estas tia. Ni demandu ĉu Esperanto estas ĝuste interlingvo. Respondo jesas: Se iu lingvo kapablas esprimi animajn, korpajn kaj ĉiuspecajn aferojn per tute klara kaj kompre-

al la paĝo 307

# 17-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Barcelono, 24 - 29 de Julio, 1956

Adreso de la Organiza Komitato: Str. Teruel 26 - 28, Barcelona (8)

Habiéndose suscitado algunas dudas con respecto al local dondė funcionará la Akceptejo, donde se distribuirán los documentos, aclaramos que ello será en el local de la Casa de Valencia, Córcega 335, teléfono 28-01-95. En dicho centro funcionará un servicio de bar y restaurante, lo que suponemos será del agrado de los congresistas que no deseen hacer largos desplazamientos para cenar, después de finalizada la «Interkonatiĝa Vespero» que probablemente será tarde.

Con los brazos abiertos os aguarda para daros su cordial bienvenida,

*EL COMITÉ ORGANIZADOR.*

---

# XXV - a KONGRESO DE INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA

Zaragoza (Hispanio), 20/24 Julio 1956 — DEFINITIVA PROGRAMO

| | | |
|---|---|---|
| *20 Julio.* | | Alveno de la Kongresanoj kaj disdono de dokumentoj en la Kongresejo, ĉe la Medicina Fakultato. |
| | 19'30 | Interkona Vespero en Salono de Hotelo Universo. |
| | 23'— | Estrarkunveno de I. K. U. E. en Hotelo Universo. |
| *21 Julio.* | 8'— | Sankta Meso en la Baziliko. (Sta. Kapelo) celebrota de la Ĉefepiskopa Moŝto de Zaragoza, Monsinjoro Kasimiro Morcillo, kiu disdonos la Sanktan Komunion al la kongresanoj. Esp.-prediko de sacerdoto A. Beckers. (Belglando). |
| | 9'— | Vizito al la Templo kaj Trezorejo. — Matenmanĝo en la apuda de «Hospederia del Pilar». — Vizito al la restaĵoj de la roma urboparto. |
| | 11'— | Oficiala fotografado antaŭ Monumento sur la Katedrala Placo. |
| | 12'— | Solena Malfermo de la Kongreso en la ĉefsalono de Provinca Deputitejo. |
| | 18'— | Prelego pri PAX CHRISTI KAJ ESPERANTO, fare de S-ro Jozefo Guzmán, sekretario de la Esperanta Fako de «Pax Christi» Hispana. (Kongresejo). |
| | 19'— | Fakaj kunvenoj, en diversaj salonoj de la Kongresejo. |
| | 20'— | Sankta Rozario en la Baziliko de Nia Sinjorino de la Kolono. |
| | 21'— | Estrarkunveno de I. K. U. E. en Hotelo Universo. |
| *22 Julio.* | 9'— | Sankta Meso en la Templo de Sta. Karolo, dialogata en Esperanto. |
| | 10'— | Aŭtobusa ekskurso tra la urbo kun vizito al la Kastelo «Aljafería», «Stadium Casablanca» kaj Urba Parko. Posttagmezo libera. |
| | 21'— | Oficiala Bankedo en la Specimena Foiro. (Restoracio). Prelego pri la Hispana Folkloro, fare de Eks. Moŝto M. Sancho Izquierdo, eksrektoro de Zaragoza Universitato. Folklora festivalo. |
| *23 Julio.* | 9'— | Sankta Meso en la Kripto de Sta. Engraco. Esp.-prediko de sacerdoto Jozefo Casanovas. (Hispanio). |
| | 10'— | Vizito al la Urba Muzeo de Belaj Artoj. |
| | 13'— | Oficiala akcepto en la Urbodomo. Lunĉo oferita de la urbestro al la kongresanoj. |
| | 18'30 | Ĝenerala kunveno de I. K. U. E. en la Kongresejo. |
| *24 Julio.* | 9'— | Sankta Meso en la Katedralo «La Seo». |
| | 10'— | Vizito al la Eparkia Muzeo kaj ĝia mondfama kolekto de tapiŝoj, apud la sama Templo. |
| | 12'— | Fermo de la Kongreso. |

# RAPORTO DE LA ESTRARO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

## PRI LA LABORPERIODO JULIO 1955 - JUNIO 1956

Estimataj geamikoj:

La senhalta marŝo de la tempo, havanta por ni konkretajn periodojn de kongreso al kongreso, postulas plian fojon submeti al via konsidero la ĝeneralajn trajtojn de nia laboro kaj agado. Jen do la plej elstaraj punktoj:

La administraj zorgoj daŭris kiel kutime sub la gvido de la sekretario, S-ro Ernesto Hurtado, kaj de la kasisto, S-ro Ernesto Guillem, kun la valora helpo de S-ro J. Juan Forné kaj aliaj bonvolaj junaj samideanoj el la Valencia Grupo; cetere, Libro-Servo ludas sian utilan rolon, kiel aparta fako, laŭ bone planita aranĝo de S-ro Hurtado mem. Krome, neniu grava ŝanĝo okazis en la diversaj sekcioj: La Gazetara kaj Radia Servo sisteme kaj trafe laboras kun la sperto kaj sindonemo de S-ro Darío Rodríguez, kiu kontrolas kaj gardas ĉion, kion oni presas en la landa gazetaro, en rilato kun Esperanto; estas rimarkinda kaj agrabla fakto, ke pliiĝas la artikoloj, notoj aŭ komentoj kun serioza tono kaj favora sinteno por nia afero. Daŭras la regulaj Esperanto-elsendoj, simpatie aŭskultataj de vastaj amasoj, en la Radio-stacioj de Bilbao, Langreo kaj Vitoria, paralele kun tiuj de «Radio Alerta» de Valencio kaj «Unión Radio» de Barcelono.

En la jam popularaj Kursoj per Korespondado, S-ro R. Molera tiel kompetente kiel fervore rikoltas evidentajn sukcesojn, kio pravigas la faritan decidon peti al la Ministerio de Nacia Eduko la oficialan registron de ĉi tiuj kursoj, kiujn mezkvante nun partoprenas 200 gelernantoj. Konstanta priokupo de la Estraro estis kaj estas atingi rekonon ĉe la Hispana Komisiono por UNESKO. Tiucele, oni sendis oportuntempe al tiu alta instanco dokumentitan petskribon, por ke nia Federacio estu akceptata kiel kunlabora organizo. Oficiala komuniko jam venis, ke nian proponon oni studos kaj konsideros en kunveno de la komisiono. Esperige do ni atendu la decidon!

En nia centra oficejo, kiel eble plej akurate, oni klopodas respondi ne ja nur la ordinarajn leterojn, kun plej varia enhavo, de la membroj de la Federacio, sed ankaŭ ĉiujn informpetojn de multaj personoj dezirantaj koni kaj scii detalojn aŭ aspektojn de nia lingvo kaj Movado; kiel antaŭe dirite, plioftiĝo de kronikoj aŭ raportoj --ĝenerale favoraj-- en gazetoj, revuoj kaj ĵurnaloj, atentinde kreskigas la nombron de tiaj interesatoj, kiuj, se bona promeso por la kursoj en urboj, kie jam funkcias grupoj, ankaŭ estas bela garantio, ke novaj nomoj de memlernantoj atestos pri la kreskanta vivanteco de Esperanto, eĉ en foraj izolejoj de la geografio de nia lando.

Plezure ni devas konstati, ke la grupoj maturiĝas kaj tre kontentige evoluas al efektiva prospero. Ekzemplo pri tio estas la vigla stato de la diversaj rondoj en Barcelono, nia ĉarma nunjara, kongresurbo, kaj en pluraj aliaj lokoj de la tuta kataluna teritorio. Ne malpli intense laboras kaj progresas la grupoj de Madrido, Zaragozo, Valencio, Ciaño kaj Bilbao; okaze de la Ora Jubileo de ĉi tiu aktiva veterano, oni ĵus povis legi interesan kronikon, kiu plene konfirmas niajn asertojn.

Tamen... jaron post jaro, ni rimarkas kun iom da maltrankviliĝo, ke ju pli la grupoj fortiĝas, des pli malfortiĝas la Federacio, nia centra organizo. Estas natura leĝo, ke maturiĝintaj gefiloj emas apartiĝi de siaj gepatroj kaj fondi mem propran familion. Laŭ simila procedo, la hispanaj grupoj ŝajnas deziri absolute sendependiĝi kaj aparte funkciadi, ekster la komuna domo, iom senpripense forgesante, ke, el pure praktika vidpunkto, ankoraŭ nun la Federacio estas nepre necesa kerno, se ne vertikala akso, por la sekureco de la tuta konstruaĵo de nia landa Movado.

Serioze ni admonas do la respondecajn gvidantojn kaj eĉ la simplajn membrojn de ĉiuj grupoj, studi la situacion kaj agi tuj konsekvence, sciante kaj konsciante ke sen fortika trunko ne povas ekzisti sanaj branĉoj nek freŝaj folioj; nur la fungoj parazite sveliĝas ĉe la ombro de la arboj...

Pri la financoj, bedaŭrinde, ni devas ripeti la konatan rekantaĵon, ke la enspezoj ne sufiĉas por inde kaj digne mastrumi la rangon de nia tutlanda organizo, kun budĝeto jam tro reduktita. Plialtigi la kotizon estas danĝere, ĉar tiel ni riskas perdi simplajn abonantojn, anstataŭ gajni novajn subtenantojn, kiuj tamen tiel necesaj estas --minimume en duobla

nombro— por iom sukcese kovri la nepre devigajn elspezojn. Antaŭ du jaroj, la libervolaj mondonacoj estis materia —kaj morala!— apogo treege utila; sed altiĝo de la kotizo signifis tuj videbla malaltiĝo de la koloneto en tiu simpatia fako. Tamen, la preskostoj kvankam ankoraŭ en tre favoraj kondiĉoj plialtiĝis kaj plialtiĝos... Certe, ni ne malkovras sekreton sincere dirante, ke nur tio estas kaŭzo de la sinsekvaj prokrastoj en la *fama* jam delonge kaj tede anoncita ADRESARO, kies materialo estas preta por tuja kompostado. Aliflanke, en kontrasto kun niaj reduktitaj rimedoj, la oficeja laboro kreskas kaj kreskas —feliĉe!— sed, por kontentige ĝin plenumi, ni devas pensi jam pri modesta salajro al iu kapabla samideano, kiu regule kaj ne nur bonvole deĵoru ĉiutage difinitajn horojn, kvazaŭ profesia oficisto. Esti aŭ ne esti, jen la dilemo... Ni ne forgesu, akorde kun la nuna tempo, ke ankaŭ en idealistaj entreprenoj konvenas iom da praktikismo!

La bulteno daŭris sub la direktado de S-ro Bosch —kiu ricevis la helpon de S-ro Herrero— laŭ sama formo ol en antaŭaj jaroj. La unua paĝo estas dediĉita al la ekstera publiko; tial, ĝi aperas en hispana lingvo. Por la sekcio «Novaj Libroj» ni renkontis la kunlaboron de bonvolaj kaj spertaj samideanoj, kiuj tre afable konsentis verki la recenzojn. Foje ni ricevis plendojn pro juĝoj de la recenzintoj, kaj pri tio ni devas alifoje klarigi, ke ni ne respondecas pri la ideoj de ili esprimitaj; tamen, se iu leganto pensas aliel pri la recenzita verko, li havas malfermitaj la paĝojn de nia bulteno por esprimi sian personan opinion. La paĝoj dediĉataj al enigmoj kaj tradukaj taskoj ricevis la aprobon de multaj legantoj, kiuj konstante skribas al ni kaj sendas siajn cerbumaĵojn. Ke tiuj paĝoj estas tre utilaj, pruvas la fakto ke ni vidis, paso post paso, la progresojn en la lingva kapablo de niaj korespondantoj kunlaborantaj en tiuj paĝoj. Pri literaturo, ni havas ankoraŭ sen publikigo kelkajn tre valorajn kontribuaĵojn, kiuj ne vidis la lumon en niaj paĝoj pro manko de libera spaco. La nuna redaktoro petis al ni, ke ni liberigu lin de lia tasko, tial ke nuntempe lia profesia laboro ne lasas al li sufiĉan tempon por la redakcia laboro. Ni petis al li daŭri en la posteno, almenaŭ ĝis la fino de la jaro; li konsentis kvankam sin selkupigante pro la neeviteble okazintaj prokrastoj en la apero de ĉiu numero.

Laŭstatute, en la kuranta jaro oni devas baloti novan Estraron, sed por ĝusta aranĝo de taŭga kandidataro, estas unue diskutenda la tikla demando pri definitiva sidejo de la Federacio; fakte, ĉi tiu lasta punkto estas en plena rilato kun la ceteraj problemoj antaŭe prezentitaj. Ni esperas veni al efektivaj konkludoj, en samideana konkordo, por venki ĉiujn etapojn survoje al la plej alta gloro de la hispana esperantismo.

*La Prezidanto, D-ro Rafael Herrero.* *La Sekretario, Ernesto Hurtado.*

---

# Oficialaj Informoj de la Akademio de Esperanto

(N-ro 22 — Marto 1956)

## DEKLARO DE LA AKADEMIO PRI ILUSTRITA VORTARO DE ESPERANTO

LA AKADEMIO DE ESPERANTO,

Kontrolinte la vortaron aperintan en 1955 en Meksiko sub la titolo «Ilustrita Vortaro de Esperanto, Unua volumo», kaj sub la nomo de FRANCISKO AZORIN;

Konstatinte, ke la aŭtoro

1) arbitre enkondukis formojn novajn kaj senprecedencajn por anstataŭigi multajn radikojn de la Fundamento kaj de la Oficialaj Aldonoj;

2) donis al kelkaj fundamentaj radikoj novajn kaj konfuzajn, neniam aprobitajn signifojn;

3) distranĉis memstarajn fundamentajn aŭ oficialajn radikojn en radikerojn kaj afiksojn, kiujn li mem elforĝis aŭ provizis per ĝis nun ne konataj sencoj;

Deklaras, ke tiu vortaro atencas al la netuŝebla Fundamento de la lingvo kaj al la tradicio registrita en la Oficialaj Aldonoj, sekve ke ĝi ne prezentas la veran staton de Esperanto;

Avertas la Esperantistojn, ke tiu vortaro povus nur semi konfuzon kaj malordon en la uzado kaj tiel grave malutili al la unueco de la lingvo;

Atentigas anticipe, ke la kritikaj konkludoj, kiujn kelkaj personoj eble faros pri Esperanto surbaze de tiu vortaro, estos senvaloraj, ĉar ili neniel koncernos la veran Esperantan lingvon.

*Ir. J. R. G. ISBRUCKER*
**Prezidanto**

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 15-a de Aŭgusto.***

Ni ricevis la korektan solvon de la enigmo n.° 36 el jenaj samideanoj: P. Naranjo, M. Fernández, J. Silva, S. Roca Rodó, V. Monsalve, R. Ayala, R. Bastardas, Baska Esperanto-Rondo kaj V. Hernández. Pri la enigmo n.° 37 ni ricevis diversajn solvojn (la enigmo havas ja plurajn solvojn). Kaj la sendintoj de tiuj solvoj estas jenaj samideanoj: P. Naranjo, M. Fernández, J. Silva, V. Monsalve, E. Padrao kaj Baska Esperanto-Rondo. Ree atingis la 10 poentojn samideanoj P. Naranjo kaj M. Fernández; ni do sendas al ili la premiojn.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 36

*Horizontale:* 2 Prajm. 3 Ulo. Adz. 4 Plasm. 5 Niela. Turpa. 6 Kotleto. 7 Ukaz. Bebo. 8 Epitafo. 9 Ermen. Retin. 10 Tondr. 11 Fia. Lik. 12 Lukti.

*Vertikale:* 2 Nukle. 3 Uni. Ruf. 4 Ekzem. 5 Poplo. Petal. 6 Latrino. 7 Basa. Niks. 8 Stevard. 9 Mamut. Ferli. 10 Robot. 11 Zip. Ink. 12 Albin.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 37




ENIGMO N.° 40

Krucvorta enigmo, de J. Devís.

Malsupra figuro.




***Horizontale:*** 2 Krima mortigo. 3 Konstante. Sincere kaj ame respektoplena al Dio. 4 (Rad) Ne kunmetita. 5 (Inv) Ekstera aspekto de io. Fera oksido. 6 Nutra grio ekstraktita el radiko de iu amerika veg. 7 Varmega. Amaso da densaj akvovaporoj. 8 Ĉefa monumenta enirejo. 9 Purigi ion per speciala ilo. Birda konstruaĵeto. 10 (Rad) Kialo. 11 Komparativa adverbo. Uj. 12 (Inv) . Verto.

*Vertikale:* 2 (Inv) Strio da tero tuŝanta etendaĵon da akvo. 3 Vorteto por insisti pri la nedifiniteco. (Rad) Kurba osto. 4 Stadio. 5 Rilata al Kristo. Ĥemia elemento. 6 Granda regno kun siaj kolonioj. 7 (Rad) Grava delikto. Ideala modelo. 8 Malobservi la respekton ŝuldatan al io. 9 (Inv) Peko. Plialtigis. 10 Estigos aŭdeblan aervibradon. 11 Participa partikulo. (Rad) Ceremonia vira vesto de la antikvaj Romanoj. 12 Malhelaĵo.

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Ni ricevis korektajn tradukojn de la tasko de Aprilo, el jenaj samideanoj J. Saladrigas, M. Fernández, R. Canet, V. Hernández, E. Pons, M. Buscató, S. Roca Rodó, V. Monsalve, E. E. Yelland, R. Manau, A. Escamilla kaj A. Núñez. Atingis 10 poentojn S-ano R. Manau, do ni sendas al li la premion.

*Ni prezentas unu el la ricevitaj tradukoj:*

En tiu tempo Madrido estis unu el la malmultaj urboj, kiuj konservis la romantikan spiriton. Ĉiuj popoloj havas, sendube, serion da praktikaj formuloj por la vivo, konsekvenco de la raso, de la historio, de la medio fizika kaj morala. Tiaj formuloj, tiaj specialaj vidpunktoj konsistigas pragmatismon utilan, simpligan, sintezigan. La nacia pragmatismo plenumas sian mision, dum ĝi lasas liberan pordon al la realo; sed se ĉi tiu pordo fermiĝas, tiam la normeco de popolo aliiĝas, la atmosfero maldensiĝas, la ideoj kaj la faktoj prenas falsajn perspektivojn. En medio de fikcioj, resto de pragmatismo malnova kaj sen renoviĝo, vivis la Madrido de antaŭlongo. Aliaj hispanaj urboj iom konsciis pri la bezono transformiĝi kaj ŝanĝiĝi; Madrido daŭris senmova, senscivola, sen deziro pri ŝanĝiĝo.

***Kiel nova tasko ni daŭrigu kun la sama romano «El árbol de la ciencia», de Pío Baroja.***

**La casa donde vivía la familia Hurtado era propiedad de un marqués, a quien don Pedro había conocido en el colegio. Don Pedro la administraba, cobraba los alquileres y hablaba mucho y con entusiasmo del marqués y de sus fincas, lo que a su hijo le parecía de una absoluta bajeza. La familia Hurtado estaba bien relacionada; don Pedro, a pesar de sus arbitrariedades y de su despotismo casero, era amabilísimo con los de fuera y sabía sostener las amistades útiles. Hurtado conocía a toda la vecindad y era muy complaciente con ella. Guardaba a los vecinos muchas atenciones, menos a los de las guardillas, a quienes odiaba. En su teoría del dinero equivalente a mérito, llevada a la práctica, desheredado tenía que ser sinónimo de miserable. Don Pedro, sin pensarlo, era un hombre a la antigua; la sospecha de que un obrero pretendiese considerarse como una persona, o de que una mujer quisiera ser independiente le ofendía como un insulto.**

## LINGVA KONSULTEJO

Responde al S-ro H. M. F. pri lia demando, ĉu oni devas diri: «peti de» aŭ «peti al», mi diru al li mian personan opinion. Kvankam mi legis kelkfoje, ĉe gravaj esperantistoj, ke oni devas diri «peti de» anstataŭ «peti al», mi tute ne konsentas. Miaopinie, ĉiam oni devas «peti al» kaj ne «peti de». Samideanoj uzantaj ĉi tiun lastan formon eble suferis konfuziĝon pro tio ke oni ankaŭ «ricevas de». Ricevi kaj peti estas du kontraŭaj ideoj, do oni ne devas uzi kun ili samajn prepoziciojn. La peto estas adresota «al» iu; la objekto estas ricevota «de» iu. Do, se oni devas adresi la peton al iu, oni nepre devas uzi la prepozicion «al». Se oni devus uzi «de», estiĝus vera konfuzo en la frazo «peto de la kliento de la kelnero», ĉar en tiu kazo, kiu estus la petanto, la kliento aŭ la kelnero? Koran saluton!

---

**el la paĝo 302**

nebla maniero; kaj samtempe, tiu lingvo ne apartenas al iu ŝtato, regno aŭ regiono, ni povas diri pri ĝi ke ĝi estas interlingvo.

Pro kio ni deziras la venkon de Esperanto kaj kial ni ne atendas ĝis iu ebla pli taŭga lingvo estos eltrovata aŭ ni mem ĝin malkovros? Simple pro tio ke pli valoras unu «prenu» ol cent «mi donos al vi».

Pri normlingvo ni ne parolu: La sciencistoj jam de jardekoj instruis nin malfidi pri ilia kapablo normigi ion ajn. Kio okazis al la Linnea klasado? Kio al la ĥemia klasado? Ni revenu al la simpla popolo «Quem penes arbitrium est et jus et norma loquendi». Esperanto estas antaŭ ĉio popola interlingvo; kaj ĝuste pro tiu eco ĝi venkos.

Vidu kiel multaj (popolaj) religioj ĝin prenas kiel konvenan rimedon por interkompreniĝo: eĉ la tradiciema Katolika Eklezio ekagnoskas ke latina lingvo tute ne taŭgas nuntempe.—***Eŭma.***

## VIVO SAMIDEANA

Al Gesamideanoj María kaj Jaime Juan Forné, en Valencio, 24/6 naskiĝis ilia unua vira infano, Francisco, kiu havigis grandan ĝojon al la tuta familio. Al tiuj karaj gesamideanoj kaj iliaj hejmanoj nian plej koran gratulon!

## RADIO LANGREO

En pasinta aprilo, la elsendoj pri Esperanto plenumis sian unuan jaron. Estus bone, ke kun ĉi tiu motivo oni adresu al la direktoro de la Stacio leterojn aŭ kartojn, esprimante al li gratulojn. Adreso: Radio Langreo, Emisora del F. de J., str. Dorado 11, 2.°, Sama de Langreo, Oviedo. La elsendoj okazas en alternaj ĵaŭdoj, je 12·45 ĝis 12·50 laŭ ondo de 207 m. Sed se oni konvinkas la direktoron --kaj tion povas fari ĉiuj samideanoj per siaj leteroj--, oni povas atingi ke la elsendoj pri Esperanto okazu ĉiusemajne.

## PAX CHRISTI

En el boletín francés del movimiento «Pax Christi» correspondiente al mes de Junio, se inserta el programa del Congreso Internacional de dicha organización, que ha de celebrarse en Valladolid, del 14 al 17 de Septiembre. En dicho programa figura entre los temas a tratar: «Esperanto». Carecemos de más detalles, y si los recibimos a tiempo, los publicaremos en el próximo número de BOLETIN.

---

● Por la venonta kongreso de HEF en Barcelono kaj por ĉiu ajn vojaĝo kaj ekskurso, bonvolu uzi la servojn de la trafik-oficejo VIAJES MARCO, Rambla del Centro n.° 46, Barcelona. Esperanto parolata!

● Okaze de la kongreso de IKUE, en Zaragoza, la Hispana Filatela Servo uzos specialan stampon. La kosto estas 1 rpk. ĉe Sección Filatélica de HEF, Apartado 875, Barcelona.

● S-ro Martin Hansen, Borups alle 205, N. V., Kobenhavn, Danlando deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn.

**BOLETIN**
de la
**FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**
**BULTENO**
**DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª
VALENCIA

Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

## DONACOJ AL NIA BULTENO

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo | 1.652 | pesetoj |
| E. Guillem, Valencia | 25 | » |
| José Orós, Zaragoza | 10 | » |
| M. Maynar » | 10 | » |
| M. Lloberas, Tarrasa | 10 | » |
| E. Miralles, Valencia | 25 | » |
| Esperanto Grupo, Sabadell. | 40 | » |
| J. Bosch, Valencia | 25 | » |
| Entute | 1.797 | pesetoj |

*Dankon kaj kuraĝe antaŭen!*

---

● Tre belajn kongresajn glumarkojn eldonis S-ro E. Moreno, Entenza 31 Barcelona. Bona propagando pri nia venonta kongreso en Barcelono. Folio de kvar markoj, 1,50 pesetojn.

---

Nia S-ano LUIS HERNANDEZ

tuj post la Kongreso en Barcelono veturos al Nederlando, tra diversaj francaj kaj belgaj urboj.

Li sciigas tion al ĉiuj siaj korespondantoj kaj amikoj, kiuj rekte povos rilati kun li, dum Aŭgusto kaj Septembro, laŭ jena adreso:

Al S-ro LUIS HERNANDEZ
ĉe S-ro I. SCHOON
OOIEVAARSTRAAT, 9
HAARLEM - N (Nederlando)

PERIS-G. VÍA M. TURIA, 28-VALENCIA